LA GAZETO

# ENHAVO

VORTOJ DE LA REDAKTORO – D-ro Eugène de Zilah ♦ LETEROJ ♦ MOVADAJ NOVAĴOJ * KAJ RAPIDE KRESKAS LA AFERO – Walter Zelazny * San Marina Universitata Sesio * Kultura Semajnfino en Homburg * Kultura Centro Esperantista * Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado en Ateno * Omaĝe al Kalman Kalocsay – de Abaujszànto ĝis la Esperanto-Parnaso * Komputila rondo – KOMPRO ♦ FERIOJ KUN EKI WOITE – EdZ ♦ REVUOJ * IUJ PAROLAS... IUJ SILENTAS... – La Fera ♦ PREZOJ KAJ KURZOJ * Ekukurzoj * Lakto, Sukero ♦ NI RIDETU * DANKON, UNU SUFIĈAS ! – Daniel Luez ♦ NIA UNIVERSITATO * MEDITADO PRI BELARTAJ KONKURSOJ DE U. E. A. – Mariĉka U. ♦ NI LEGIS... * LA KAŜITA VIVO DE ZAMENHOF – N. Z. Maimon ♦ NIA GIMNAZIO * METROPOLITENO – V. Varankin * LASTA LECIONO ♦ NIA LERNEJO * LA GRAMATIK(L)A PUNKTO – Jean Thierry * KIEL TRAIRI SENPAGE? – Edgar de Zilah * NI PAROLU PRI ... VIANDOJ EL BOVO

**"PACO KAJ LIBERECO" ESTOS LA TEMO DE LA ĈI-SOMERA INTERNACIA KONFERENCO EN ATENO • "NORMALIGO" DE LA ESPERANTISTOJ POLAJ, NOMOJ DE LA KOMPLICOJ.**

numero 3. 15MAR86

L A   G A Z E T O

sessemajna kleriga periodaĵo de la
MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ
por disvolvigo de la esperantista kulturo

Eldonas:
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro:
Eugène de Zilah

Redakta Komitato:
M F K A - 002 - METZ

Grafikisto:
Daniel Nonnenmacher

Fotisto:
Edgar de Zilah

Makedisto:
Pascal Block

Adreso de la redakcio
kaj administracio :

L A   G A Z E T O
**39, rue Joseph Hénot**
**F - 57070 M E T Z**

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F - 57000 M E T Z
pĉk. 762 79 P NANCY

Abonprezoj:
- 1 jara (6 numeroj) : 12 ekuoj;
- 2 jara (12 numeroj) : 21 ekuoj;
- 3 jara (18 numeroj) : 29 ekuoj.

LA GAZETO ne aperas dumsomere.

Anoncoj:
1/4 da paĝo = 40 ekuoj.

Grupoj de MFKA rajtas
anonci senpage.

Recenzoj:
bonvolu sendi po du ekzem-
plerojn de la recenzotaĵoj
al la Redakcio.

## ABONPREZOJ LAŬ LANDOJ

Se vi ne povas **poŝte** ĝiri, aŭ sendi **poŝtmandaton** bonvolu skribi al LA GAZETO, ni sendos al vi fakturon, kaj klarigos al vi kiel oni povas aboni el via lando (eĉ se ne pagipova). Por ke vi havu ideon pri la abonkotizoj, jen la prezoj de unujara, dujara kaj trijara abono en via nacia mono :

* A=186/325/449As * B=544/952/1315Bs * BG=11/-19/26BGs * CDN=15.7/27.5/37.9CDNs * CH=22.2/39/-53.5CHs * D=26/45.5/62.5Ds * DK=96/167/230DKs * DZ=53.5/93.7/129DZs * E=1600/2850/3900Es * F=80/-139/192Fs * GB=7.75/13.5/18.7GBs * GR=1600/2800/-3860GRs * H=510/900/1240Hs * I=17700/30900/-42500Is * IL=16700/29200/40300ILs * IS=465/814/-1125ISs * J=2000/3500/4850Js * L=544/952/1315Ls * MA=104/182/251MAs * N=81/141/195Ns * NL=29/51/-71NLs * P=1690/2960/4090Ps * PL=1900/3330/-4600PLs * S=81/142/196Ss * SF=58/102/141SFs * SU=8/14.5/20SUs * TG=4000/7000/9600 * TN=8/14/-19TNs * TR=6760/11800/16330TRs * USA=11.2/19.6/-27.1USAs * YU=3480/6100/8400YUs

**ABONU PER SIMPLA LETERO !**

**La Gazeto**
**39, rue Hénot**
**F-57070 Metz**
**Francio**

Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85



# VORTOJ DE LA REDAKTORO

Kiam la gazeto estas malgranda kaj kiam la publikendaĵoj tro abundas la redaktoro devas, kun koro dolora, flankenmeti kelkajn artikolojn bonajn kaj valorajn : ili trovos lokon en venonta numero. Sed por montri la respekton al kunlaborantoj, ĉiutage pli multnombraj, de **LG**, en ĉi tiu numero mi decidis flankenmeti mian propran ĉefartikolon. Tio, kio estas okazanta en Pola Esperanto-Asocio, estas ja tro grava por mallongigi aŭ prokrasti la artikolon de W. Żelazny. La nova bildvortara paĝo estas tro utila al niaj komencantoj, kaj eble ankaŭ al spertaj esperantistoj, por forŝpari ĝin. La amatoroj de ŝakludo certe ne pardonus al ni, se ni ne publikigus la originalan problemon primeditītan por **LG** fare de Pascal Block La artikolo de Marička U. estas tiom kuntaŭga kun la skandalo en Pollando, ke ni nepre devis ĝin gardi en ĉi tiu numero. Ni kompreneble devas gardi ĉiujn kulturajn rubrikojn, ĉar ili estas esencaj. Do ni pardonpetas al ĉiuj, kiuj ne trovas tion, kion ili serĉas en ĉi tiu numero, kaj ni promesas, ke ili retrovos siajn ŝatatajn artikolojn en la venontaj numeroj.

*Eugène de Zilah*




*S-ro Gerrit Berveling, (NL)*

*Kun granda miro mi legis en via n-ro 1 la priparolon pri la tradukaĵo de Kiril Draĵev,* **La Barbiri de Sevilla** *far* **Beaumarchais.** *Se ne tro enprofundiĝi en la marĉon de fifamigo pere de akuzo pri komunisma mondrigardo : ĉar tio ŝajnas esti la procedo kiun via recenzo montras : mi pormomente volas nur atentigi pri la jeno. Kaj laŭ mi, ĝi estas gravega punkto! La aŭtoro de l' celita recenzo miras pro tio, ke ĝuste Bulgaro tradukas francan ĉefverkon. Kial ne Franco? Nu, tiu demando restas demando tute sen ajna graveco, ĉar kutime temas ja pri hazardaĵo, se iu persono decidas ektraduki certan verkaĵon, kaj mi vere ne kapablas kompreni, kial homo kiu jam preskaŭ 30 jarojn laboras kun kaj en Bulgara Esperanto-Teatro, kaj kiu krome jam tradukis por* **surscenejа uzado** *(kaj tio estas io tute alia ol por enfotela legado!) pli ol 20 teatraĵojn, ... nu mi tute ne komprenas kial tia homo ne taŭgus por tiu ĉi tasko. Kaj la rezulto ja montras, ke li taŭgis. Ĉar, en tio estas mia ĉefa kritiko : la recenzo neniamaniere traktas la* **tradukon kiel tradukon.** *Kvazaŭ la nura fakto ke alipopolano tradukas, jam estas kialo por malfidi la rezulton! Kaj kion do pensi pri la ĉefverkoj de l' esperanta tradukarto? Pri la tradukoj de Zamenhof el la germana, el la hebrea, la tradukoj de Kalocsay el la itala, el la angla, la germana, la franca, ktp (ja eĉ el la nederlanda!), la tradukoj de Waringhien, de Grabowski, ktp. Aŭ miaj propraj tradukoj el la helena kaj la latina. Ĉar se oni nur akceptus tradukojn far samlingvanoj de l' originalo, tute plene forfalus por ĉiam la klasika literaturo, mondvaste : forfalus la klasikaĵoj ĉinaj, sanskritaj, latinaj, helenaj, hebreaj, — kaj tiel eblas daŭrigi ankoraŭ kelkdekon da lingvoj! Ne, via recenzo ne estis honesta : vin simple pikis — ŝajne — la fakto, ke Bulgaro (kaj kaŝe mi supozas ke por vi tio similas je komunisto = malbona persono nefidinda) bone tradukas el la franca lingvo, almenaŭ tiel bone ke ĝi estas bone uzebla sceneje; aŭ ĉu vere pikis vin la fakto, ke en la vivpriskribo pri Beaumarchais enŝteliĝis tre leĝeraj ektuŝoj je ties ne ĉiam solidara sinteno rilate la malriĉajn? Mi esperas ke vi estas tiel „neŭtrala" ke vi presigos ankaŭ tiun ĉi leteron.*

**LG** : Bedaŭrinde vi miskomprenis nian artikolon en LG n-ro 1. Tute ne temis pri recenzo de tradukaĵo de s-ro Kiril Draĵev, kies talenton cetere ni rekonis, sed atentigo pri malbonkvalita marksisma retorikaĵo el nekutima kaj nenormala fonto, kiu kuniris kun ĉi tiu tradukaĵo. Kompreneble, se vi ne konas alispecan literaturkritikon, vi ne povas tuj rekoni la eluzitajn ŝablonojn, kiujn ni denuncis kaj se vi estas konvinkita pri la intelekta valoro de tiatipaj verkaĵoj, vi ne povas kompreni pri kio ni indignas. Cetere, vi **diras,** ne **ni,** ke „komunisma mondrigardo" povas iun fifamigi, ĉar por ni homo komunista ne nepre estas „malbona persono nefidinda". Estas tamen mirinde, ke se iu kuraĝas diri, ke 19-a jarcenta ekonomifilozofia sistemo estas postrestinta kaj grandparte falsa, tuj oni volas, ke tiu malestimu la homojn al kiuj oni altrudas ĝin. Alia problemo estas pri la kulturlingvo de Esperantigantoj, kaj ĉi tiun problemon ni devas nepre findiskutadi. Vi ŝajne ne vidas diferencon inter ne plu evoluantaj lingvoj, fiksaj sur siaj fundamentoj kiel la latina, sanskrita, helena, ktp..., kaj la evoluantaj, vivantaj lingvoj. Aldone, vi citadas nur geniojn (vin mem inkluzivinte), kiuj finfaris tradukaĵojn el, al



# KAJ RAPIDE KRESKAS LA AFERO

*Okazos tiel forta batalo por la paco*
*Ke neniu ŝtono restos sur la ŝtono*
*PENSOJ DE RABENO EL BELZC*

Ekzistas du konceptoj pri la paco : la unua, ke la paco okazas, kiam **ne estas milito** kaj koncernas ĉefe internaciajn sferojn de la vivo. Laŭ tiu koncepto okazas paco inter Haitio kaj Grenado, inter Ukraina SSR (la subjekto de la internacia juro) kaj Afganio aŭ inter Ĉilio kaj Albanio. Kaj ne okazas la paco inter Nikaragvo kaj Usono kaj inter Irako kaj Irano. La alia koncepto estas eble iom pli idealisma, kaj diras, ke la paco estas, kiam ne okazas buĉado de homoj, oni respektas homrajtojn...ktp.

Kaze de la atenco kontraŭ demokratio en Pola Esperanto-Asocio ni reale ekvidas konflikton inter la koncepto de la paco kiel internacia **ne milito** kaj la paco, kiel koncepto de la **libereco**. Efektive inter Pollando kaj la cetera mondo okazas paco, sed ja ne en Pollando mem.

La atenco kontraŭ Pola Esperanto-Asocio, el la jura vidpunkto havas ĉefe jenajn aspektojn :

1. Oni likvidas Ĉefan Konsilantaron kaj Estraron de Pola Esperanto-Asocio, „ĉar tio estas **necesa pro grava socia intereso**". Ĉu ok mil persona, diaspora, ne politika, ne partieska organizo en la polica ŝtato povas danĝeri al „grava socia intereso"? Kiu decidos kio estas grava socia intereso?

ĈEFURBA OFICEJO DE LA
METROPOLO VARSOVIO
Departamento pri Soci- Administraciaj Aferoj

**DECIDO**

*Surbaze de la art. 15 de la leĝo el 21-a de julio 1983. pri specifa leĝa regulado dum la periodo de la finvenkado de la soci- ekonomia krizo kaj surbaze de la leĝo pri ŝanĝoj de kelkaj antaŭaj leĝoj (Dz. U. Nr. 39, poz. 176)*

*m i  l i k v i d a s  la 17-an de oktobro 1985. la Ĉefan Konsilantaron kaj la Ĉefan Estraron de Pola Esperanto-Asocio.*

*Samtempe mi nomas Provizoran Estraron, kiu konsistas el civitanoj :*

*1. Chyliński Adam*
*2. Dobrzyński Marian*
*3. Kamiński Ryszard*
*4. Kozaczuk Henryk*
*5. Pakalska Stefania*
*6. Pettyn Andrzej*
*7. Sobolewski Wojciech*
*8. Staszczak Bolesław*
*9. Świstak Stanisław*

*Mi nomas prezidanton de la Provizora Estraro civitanon Wesołowski Włodzimierz.*

*Mi devigas la Provizoran Estraron al :*

*– ordigo de la administraciaj aferoj, akordigo de la agado de Pola Esperanto-Asocio kun la leĝaro, preparoj por la ŝanĝo de la statuto,*

*– organizado de la elektoj de delegitoj por Tutlanda Eksterordinara Kongreso de Delegitoj en filioj de Pola Esperanto-Asocio,*

*– preparado kaj alvoko al Tutlanda Eksterordinara Kongreso de Delegitoj cele efektivigi elekton de novaj gvidantoj de la Asocio; establi agadprogramon kaj proklamon de la rezolucio cele ŝanĝi la statuton.*

*Surbaze de la art. 108 § 1 de la proceda kodo administracia, mi donas al ĉi tiu decido povon de la senprokrasta ekzekucio, ĉar tio estas necesa pro grava socia intereso.*

**MOTIVIGO**

*Efektivigita fare de Soci-Administracia Departamento de la Ĉefurba Oficejo de la Metropolo Varsovio inter 11JUN-11JUL85 kontrolado de la agado de Pola Esperanto-Asocio elmontris, ke Ĉefa Konsilantaro kaj Ĉefa Estraro de Pola Esperanto-Asocio agadis malkongrue kun la leĝo kaj la statuto.*

*Interalie sen necesa permeso oni aktivis ekonomie, kio estas malobservo de la rezolucio n-ro 446 de la Ministra Konsilantaro el 17NOV58 pri ekonomia agado de sociaj organizoj. Landaj filioj, sekcioj, fakoj organizas internaciajn aranĝojn (kongresojn) sen permeso malobservante la leĝon je 29MAR62 pri homamasiĝoj. Oni organizis ankaŭ, surbaze de la rezolucio de la Ĉefa Konsilantaro, monkolekton (malobservo de la leĝo je 15MAR33 pri monkolektoj).*

*La kontrolado elmontris mankon de sufiĉa inspektado, per la gvidantoj de Pola Esperanto-Asocio, de la eldonagado de la Asocio kaj, ĝenerale, de la agado de la filioj kaj sekcioj.*

*Ĉio supre montrite permesas konstati, ke Ĉefa Konsilantaro kaj Ĉefa Estraro de Pola Esperanto-Asocio ne superregas la situacion en Pola Esperanto-Asocio.*

*Pro tio oni decidis kiel en la decido.*

*Oni rajtas apelacii de ĉi tiu decido al Ministro de la Internaj Aferoj dum 14 tagoj ekde la dato de la enmanigo (de la decido), pere de mi.*

**DIREKTORO** : Jan Hordejuk

# MOVADAJ NOVAJOJ




*D-ro Tyblewski ne plu rajtas redakti* **„Polan Esperantiston"**

Sed tuta mondo scias, ke ne temas pri tio. Ne Pola Esperanto-Asocio danĝeris al „grava socia intereso", sed la Asocio celis, ke oni ne trouzu lingvon por alinomi ekzemple blokan armadon, sociajn konfliktojn, atencoj je demokratio per la vorto P A C O.

En la DECIDO ni ne trovos, ke reĝimo de Jaruzelski unue timis koncepton pri la paco de Pola Esperanto-Asocio. Tion Jaruzelski hontas laŭte diri, sed ja li mem scias plej bone, ke li plej timas liberan penson.

2. La DECIDO diras, ke : komisaroj devas okupiĝi inter alie pri „preparoj por la ŝanĝo de la statuto". Sed samtempe la DECIDO ne montras procedurajn mankojn de la statuto de la Asocio, konforme al la pola leĝo. Kiel do oni povas anticipe ordoni ŝanĝojn de la statuto, se la nuna estas jure valida kaj ne malkonforma al la leĝo, kiun mem la reĝimo fiksis! Temas rekte pri la sovetiisma partipolitika interveno en la statuton, en la vivon de la Asocio. Pro kio nun la statuto ne plaĉas al la reĝimo? Respondon ni trovu en la politiko de la reĝimo, ja ĝi mem subskribis interkonsenton kun „Solidarnosc" (31AŬG80) kaj poste, per milita stato (13DEC81) detruis ĝin. La statuto ne plaĉas ĉar ĝi estas demokratia, ĉar ĝi donas regpovon al plimulto kaj respektas opozicion. Tio estas en sovetiismo herezaĵo. Tion timis la reĝimo, des pli, ke eble Esperantistoj volus dum la 72-a Universala Kongreso same demokratie konduti, kaj elmontri kiel ili komprenas la nociojn paco kaj libereco.

3. Oni legas, ke : „filioj, sekcioj, fakoj organizis internaciajn aranĝojn (kongresojn) sen permeso". Homoj vivantaj en la libera mondo eble ne komprenas pri kio temas, do : se ekzemple Kultura Centro Esperantista organizas iun aranĝon kaj venas al ĝi Esperantistoj el Belgio, Francio, Usono ktp. tiam simple ili venas por partopreni aranĝon. En sovetiismaj landoj io simila nomiĝas „malobservo de la leĝo pri homamasiĝoj", kaj pro inter alie ne respekto de tiu leĝo almenaŭ 200 personoj en Pollando sidas nun en prizonoj.

5. „La inspektado elmontris mankon de la konforma kontrolado fare de la aŭtoritatoj de la Asocio super la eldonagado". En Pollando por ion ajn eldoni oni bezonas minimume du anticipajn permesojn (de la koncerna ministro pri entuta jara eldonplano; kaj de la cenzuro por ĉiu presota titolo). Do ĉio presita en Pola Esperanto-Asocio jam estis dufoje cenzurita antaŭ la apero. Kiel kompreni vortojn pri la „konforma kontrolado ... super la eldonado"? Simpla cenzura kaj kontrola paranojo! Kaze de tiu punkto temis pri tio, ke Pola Esperanto-Asocio ne eldonis kontraŭleĝe, sed ke ĝi povis eldoni glorigajn verkojn por la reĝimo, kaj ne faris tion.

Tiuj nekonsekvencoj en la DECIDO, proceduraj mankoj, kontraŭdiroj, kiujn mi montras (ne ĉiujn, nur kelkajn iom ekzemplodonajn) atestas, ke la pola reĝimo ne plu eĉ ŝajnigas respekton al propraj leĝoj.

Dum la periodo de "Solidarnošć" en Pola Esperanto-Asocio okazis reveno al la homa digno, demokratio kaj libereco. Bedaŭrinde la fakto esti Esperantisto tute ne aŭtomate signifas esti aŭ ne kanajlo aŭ bonulo.

El la politika vidpunkto :

La DECIDO ne estus eble tiom brutala, se ne okazintus interveno de tiuj, kiuj **perdis privilegiojn** eblajn nur en diktatoreco. Ili perdis privilegiojn pro demokratiaj ŝanĝoj en la Asocio okazintaj ekde 1980. jaro (senpagaj vojaĝoj tra la mondo, monopolo pri la informado, profitoj el kategorio de la tiel nomataj „funkciaj" pasportoj ktp).

Ĉefa motoro de la atenco kontraŭ la Asocio estis kamarado Andrzej Grzębowski, direktoro de „Esperantotur", iama prezidanto de Pola Esperanto-Asocio, kiu dum la elektoj al la Estraro en 1984. ne ricevis sufiĉan apogon de la delegitoj por reelektiĝi. Lin kompreneble helpis aliaj, ankaŭ ne reelektitaj. Cetere, nun kelkajn el ili vi trovos inter komisaroj.

# MOVADAJ NOVAĴOJ

La Asocio realigis demokration en granda parto de Esperantujo, kie demokratio estis regule perfortata. Pola Esperanto-Asocio elektis pacon kaj liberecon.

Antaŭ la jubilea jaro Universala Esperanto-Asocio ne povis ne scii kio okazis kaj okazas en Pollando.

Sed kiel evidentiĝas, la parto de la Estraro de Universala Esperanto-Asocio, tuta sovetiisma bloko kun okcidentaj partizanoj en la Komitato de Universala Esperanto-Asocio mem, partoprenas en la komploto kun sovetiismo. Nur homoj, kiuj posedas senperajn interesojn povas apogi tiranajn registarojn. Se iuj kaŝas siajn rilatojn kun tiranoj aŭ komplotas kun ili, sed samtempe hontas pro sia procedo, ni havas neniun alian eblecon, ol diri pri tio laŭte. Tia estas rolo de la libera informado. **Vivo** de Esperantujo **ne estas sekreto** kaj ni havas neniujn komplotajn celojn.

Pola registaro sendube deziras, ke la 72-a Universala Kongreso okazu en Varsovio. Ĉiu nuntempe okazanta internacia apogo al Varsovio donas al ĝi pluan kuraĝon por krimoj. La reĝimo ŝatus „pacan" Universalan Kongreson, tio estas la Kongreson laŭ diktado de la komisaroj, tio estas Universalan Kongreson, kiu kondamnos imperiismon, kaj apogos sovetiisman koncepton de la paco kiel la staton de **ne milito.** Jaruzelski tre bezonas tiun Kongreson, sed ne havu iluziojn, la **72-a Universala Kongreso en Varsovio** (se okazos) **estos paca, sed ne libera.** „Okazos tiel fota batalo por la paco, ke neniu ŝtono restos sur la ŝtono". Se ĝis nun Universala Esperanto-Asocio ne volas vidi tiun delikatan nuancon inter necesa ligo de la paco kun libereco ni devas diri, ke super granda parto de Esperantujo amasiĝas nigraj nebuloj.




Nun la epoka deklaro de Pola Esperanto-Asocio pri pluralismo, memvola rezigno de la Asocio pri monopolo en la pola Esperanto-Movado, ricevita iam de la reĝimo, politiko de la malfermitaj internaciaj aranĝoj, glorinda „Pola Esperantisto", kuraĝa Komisiono pri la Paco de la Asocio, ĉio ĉi ricevis ordonon paciiĝi, ĉar la reĝimo bezonas senkondiĉan pacon, des pli antaŭ la 72-a Kongreso. Rimarku, ke la DECIDO baziĝas sur ĉi tiu jura premiso.

Mi kun tuta estimo klinigas kapon antaŭ homoj, miaj amikoj, kun kiuj mi kunlaboris de 1974. kaj laboris en Pola Esperanto-Asocio (APR80-OKT83), kiuj realigadis en Esperantujo principojn tiel karajn por ĉiuj, principojn de la homa digno, libereco kaj paco.

*Walter Zelazny*

---

**2-a Sanmarina Universitata Sesio (27DEC85 – 5JAN86).** Partoprenis ĉ. 80 sciencistoj en ĉi tiu laŭstatuta komenco de la laboro de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS). La Senato de AIS elektiĝis dum ĉi tiu sesio, ĝi konsistos dum la venontaj kvar jaroj el la profesoroj Ĉen Juan (CHN) / Formizzi (I), Mužiĉ (YU) / Weltner (D), Neergard (DK) / Haszpra (H), Pancer (YU) / Lapenna (GB), Pennachietti (I) / Szerdahelyi (H), Popoviĉ (YU) / Guĝev (BG) kaj Frank (D), kiu elektiĝis prezidanto. Informiĝu pri AIS detale helpe de la AIS-dokumentaro publikigita libroforme sub la titolo „Ekesto kaj celoj de la Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino". AIS bezonas la kunlaboron de sciencistoj kun bona kono de la Internacia Lingvo – sed ankaŭ de fervoraj komencantoj, se ili estas fake elstaraj sciencistoj. „SUS 3" okazos je 31AŬG/8SEP86. „SUS 4" komenciĝos je 27DEC86.

**KULTURA SEMAJNFINO EN HOMBURG – 6/8JUN86**

**d-ro André Albault, prezidanto de la Akademio de Esperanto, prelegos pri la historio kaj la rolo de la "Fundamento de Esperanto"**

PETU INFORMOJN ĈE SEL, SCHULSTR. 30, D-6601 SCHEIDT

# MOVADAJ NOVAJOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 23 | 36 | 19 | 32 | 15 |
| 16 | 24 | 37 | 20 | 28 |
| 29 | 17 | 25 | 33 | 21 |
| 22 | 30 | 13 | 26 | 34 |
| 35 | 18 | 31 | 14 | 27 |




| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | A | L | I | T | E | R | A | C | I | O |
| 2 | P | A | D | A | ■ | E | S | E | A | R |
| 3 | O | E | R | N | A | ■ | E | L | I | T |
| 4 | K | R | O | K | I | Z | ■ | T | ■ | O |
| 5 | A | T | ■ | A | N | U | B | ■ | E | G |
| 6 | L | O | L | O | ■ | L | A | Z | A | R |
| 7 | I | ■ | A | ■ | L | U | K | ■ | K | A |
| 8 | P | E | T | R | O | ■ | K | L | I | F |
| 9 | S | O | V | E | T | O | ■ | U | ■ | I |
| 10 | O | N | O | M | A | S | T | I | K | O |

## KONFERENCO DE N.E.M. EN ATENO



La 12-a Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado okazos en Ateno, la ĉefurbo de la Eŭropa civilizacio, de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 1986. La ĉeftemo estas „Paco kaj Libereco". Kompetentaj lekciistoj pritraktos ĝin el filozofia, etika, historia, politika, ekologia kaj jura vidpunktoj. Okazos ankaŭ ĉefkunvenoj de Internacia Centro de la Neŭtrala Esperanto-Movado, Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj, Filozofia Asocio Tutmonda, la 2-a Internacia Forumo de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj, verŝajne aliaj kunvenoj kaj debatoj. Krome : interkona vespero, bankedo kun balo, vizitoj al vidindaĵoj de Ateno, tuttaga ekskurso al la regiono Korinto-Epidaŭro-Mikeno-Hefpliano, postkonferencaj ekskursoj. La konferencejo – la unuaranga Esperia Palachotelo – estas klimatizita.
Baza aliĝkotizo : 4000* drakmoj ĝis 31.03.86, kaj 4800** drakmoj post tiu dato. Aliĝojn akeptas kaj ĉiujn pliajn informojn donas la Loka Kongresa Komitato je la konstanta adreso : Adamantia Sakellaropoulou, Aghias Paraskevis 30, Ateno-816, Grekio.
* ĉ. 30 EKs, ** ĉ. 37 EKs.

---

**Omaĝe al Kalocsay – De Abaujszànto ĝis la Esperanto-Parnaso.** Antaŭ 10 jaroj mortis plej grava Esperanto-klasikulo : Kalocsay. Internacia komitato estas pretiganta dokumentlibron pri la fama poeto kaj tradukisto. Ĝi jam kunigis 8300 prozliniojn, 1400 versliniojn, 3200 bibliografiajn indikojn por plenigi 20 ĉapitran libron. Ĉiuj, kiuj kapablas kontribui pri Kalocsay havas la moralan devon tion fari kaj sendi siajn kontribuaĵojn al la komitato : INTERNACIA KOMITATO POR HONORO AL K. KALOCSAY, H-1368 Budapest, PF. 193.

**KOMPUTILA RONDO – KOMPRO.** Nova faka asocio, jam delonge dezirita, organiziĝas : la faka asocio de utiligantoj de komputiloj, kiuj la plej ofte estas feliĉaj posedantoj de mikrokomputiloj, kvazaŭ simboloj de la modernaj scienco kaj teknologio. S-ro Jürgen Wülf (D) volas esperantigi la faman programon pripsikologian de J. Weizenbaum, „Eliza"; s-ro Roland Schnell (D) programis informilon kaj varbilon por E-o, vi povos vidi ĝin dum la Germana Esperanto-Kongreso en Hamburgo (inter 16MAJ86 kaj 19MAJ86); s-ro Michael Lennartz (DDR) pripensadas sistemon por interŝanĝado de programoj surbendigitaj; s-roj Olaf Prösch (D) kaj Gerd Tigges (D) faris germana-Esperantan vortlernprogramon; s-ro Ueli Haenni (CH) kaj d-ro Ursula Niesert (D) dank'al siaj klopodoj plilarĝigis KOMPRO-n ĝis Francio. La nova asocio estas tre utila, ni kuraĝus ĝin nomi „nemalhavenda", por la movado. Interesuloj bv. skribi al LG, aŭ rekte al s-ro Ueli Haenni, Wyttenbachstr. 28, CH-3013 Bern; aŭ s-ro Jürgen Wülf, Papenstr. 5b, D-2000 Hamburg 76.



# FERIOJ KUN EKI WOITE

**La alveno**

Sankta Magdalena estas montara vilaĝo en norda Italio, tuj apud la Aŭstra Tirolo. Oni paroladas tie germanan dialekton. La provinco de Trentino estis aŭstra ĝis 1918. kaj apartismo pludaŭras en la valoj. Apenaŭ trairinte la landlimon, oni devas orientiĝi dank'al vojindikiloj dulingvaj, sur kiuj nur la germanaj nomoj de la urboj (Bruneck, Bolzen, ...) estas legeblaj, ĉar la penikoj de apartismaj enloĝantoj forfarbis la italajn (Brunico, Bolzano, ...). Veturile, oni alvenas tra la montpasejo Brenner. Poste oni atendas duonhoron por pagi la vojtakson kaj rajti forlasi la aŭtovojon duŝosean. Restas ankoraŭ ĉ. 105 km ĝis Sankta Magdalena. Nur unu vojo alsupras orienten, tra Bruneck, kiun oni forlasas por pli malgranda vojo al Monguelfo (Welsberg), kaj poste por Sankta Magdalena (Santa Maddalena), ĉiam veturante en longa vico de aŭtoj prudente moviĝantaj sur la glita ŝoseo. Vesperiĝis, noktiĝis antaŭ nia alveno. La montoj aperis kvazaŭ fantomeska teatrodekoracio malantaŭ malvaj neĝebenoj sub arĝentotelero luna. Kompreneble ni ne tuj trovis la domon „MONTANA"-n. Aldone la deklivo estis tro forta. Ni devis surmeti neĝoĉenojn. Senutile, cetere, ĉar ili difektiĝis antaŭ la alveno ĝis la celo. Ni demandis almenaŭ kvarfoje kie estas la domo „Montana". Finfine ni trovis ĝin. Ĝi estas en la plej alta parto de la vilaĝo. La direktoro de la feriejo desupris per kvarmotorrada Fiat-aŭto ĝis la ejo kie ni glithaltis, post informo pri nia alveno, kiun du piedvadantoj transdonis al li. Ni lasis nian veturilon en la vilaĝo, metis niajn bagaĵojn en la Fiat-on kaj atingis la ejon de la kunloĝado. Bela, granda montara ĉaleto, perdita en la neĝkampoj.



Verdire, mi amas la montaron, sed malamas la neĝon. Mi ne estas tro sentema al la morta beleco de la blanko. Mian animon elrabis la amo de varmegaj dezertoj. Tamen la etoso mondlima de ĉi tiu GSIES-valo renkontas eĥoon en mia koro. La altaĵoj de la montoĉenoj desegniĝas sur la ĉielo per sekaj linioj de ĉinaj tuĉpentraĵoj, kaj dum la nokto eble pro plenluno, ĉeniĝas la koloroj de Magritte : flavo de fenestroj, malva helo de la neĝo, blunigreco de pinoj, fumgrizeto de nuboj. Kaj kia silento por dormi!



*La etoso estas tre bona por infanoj*

**La programo**

La aranĝoj de Eki WOITE volonte celas la ripozon. Ni estas liberaj dum la tuta tago kaj nur post vespermanĝo okazadas kunvenoj. Ĉiuvespere estas Esperantokurso por komencantoj kaj kunveno por parolantoj. S-ro Eki Woite utiligas kun la komencantoj la lernolibron de Hermann Behrmann : „Esperanto programita". La kunvenojn de la parolantoj animigas ĉiuvespere alia preleganto.

**Bahaismo**

Nian unuan kunvenon ni dediĉis al la Bahai-religio. Prelegis S-ro Dieter Maas, li mem bahaisto. Li klarigis la principojn de la religio kaj forigis kelkajn iluziojn, kiujn ni havis. Nome, mi ne plu kredas, ke Esperanto estas devige lernota lingvo por bahaistoj. Oni eĉ ne scias, ĉu la profeto Baha'u'llah konis tiun lingvon. La filo de Baha'u'llah, Abd-u'l-Baha, kaj la nepo de ĉi lasta, Ŝogi Effendi, varme konsiladis la lernadon de Esperanto, sed oni ankaŭ ne scias, ĉu ili mem scipovis ĝin aŭ ne. Estas postulo por iu universala lingvo ĉe la bahaistoj, sed sub la konstanta premo de bahaismaj amasoj el angle parolantaj landoj (1 miliono da bahaistoj en Hindio!) ĉi tiu „universala lingvo" povus esti la angla : la angleparolanta plimulto provadas altrudi ĝin.



Dieter Maas klarigas pri bahaismo

Elmetiĝis la problemo de la simileco inter homaranismo kaj bahaismo. Oni ne scias ĉu homaranismo estas religio. Ĉi tio dependas de la akceptita difino de „religio".
La dia unueco estas baza principo de la bahaismo, ĉi tiun principon la homaranismo ne havas. La bahaismo estas religio preskaŭ sen kulto, laŭ ĉi tiu aspekto ĝi similas al homaranismo, sed homaranisto povas konservi sian antaŭan religion, dum bahaisto normale forlasas ĝin. Kompreneble multaj aliaj pasiigaj problemoj estis elmetitaj. Vi povas havi ideon pri ili, se vi petas s-ron Maas, kiu opinias, ke homaranisto estas bahaisto, kiu ankoraŭ ne klare orientiĝas pri siaj religiaj aspiroj, sendi al vi 20-paĝan informfoliaron pri bahaismo. (S-ro H.D. Maas, Bruchwiesenstr. 26, D-6600 Saarbrücken, tel. 0681/33827)

**Ĉambro, manĝo, prezoj**

La kunloĝado estas simple kaj bone organizita. La principo estas, ke paro de gekuiristoj, ges-oj Mufler, preparadas la manĝon, simplan, sed tre bongustan laŭ la receptoj de la tiel nomata „germana burĝa kuirarto", kaj ĉiutage du aŭ tri homoj el la ĉeestantaro helpadas en la purigado de la manĝilaro. Je nia alveno la granda kaj bela ĉambro, kun apuda banĉambro, estis brile pura. Ni mem devas ĝin konservi en loĝebla stato dum la semajno; ne estas servistoj. Pro tio la prezoj estas tre malaltaj, nur po 130 EKs por la tuta semajno kun po tri manĝoj tage enkalkulitaj. Se oni volus havi la



Manĝo simpla, sed tre bona

samkvalitajn ĉambrojn kaj manĝojn en iu ferihotelo, anstataŭ ses tagoj, ni povus pagi nur tri. Aldone la infanoj junaj, malpli ol 7-jaraj, tute ne pagas, kaj la pli aĝaj, inter 7 kaj 13-jaraj, pagas nur 68 EKs (ĉ. 50%), inter 13 kaj 18-jaraj junuloj pagas 91 EKs (ĉ. 70%). Ĉiumaniere la etoso estas tre bona por la infanoj, kiuj amuziĝas kune kaj kun la gepatroj dum la tuta tago kaj alkutimiĝas al la uzado de Esperanto, skiante, ludante, manĝante, en la cirkonstancoj de la ĉiutaga vivo. Ili mem spertas, ke nur Esperanto permesas komuniki kun ĉiu el la grupo. En la komenco de la kunloĝado oni vidas la infanojn provi alparoli la homojn nacilingve kaj miri pri la nekompreno. Je la fino de la semajno ili uzas tute nature Esperanton kun la alilingvanoj. Ĉi tipaj kunloĝadoj estas eble la plej bona maniero por „Esperantigi" siajn infanojn.

### La Gazeto

La dua vespera kunveno estis dediĉita al „LA GAZETO", la redaktoro mem animigis la kunvenon. Ni povis forigi kelkajn antaŭjuĝojn, kiujn malamikeca propagando estas disvastiganta kontraŭ la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj kaj ĝia „LA GAZETO", sed la varme pridiskutitajn temojn la legantoj de nia ĵurnalo jam konas aŭ konos en la venontaj numeroj.



*Eki Woite*



*Madeleine de Zilah, direktorino de „La Gazeto"*

### Ekologiismo

La trian diskutrondon animigis S-ro Eki Woite mem, kiu festis, cetere, samtage la alvenon de sia 45-a jaro. Lia temo estis : „Ĉu la verduloj solvas la problemon de la naturprotektado?". Iusence li estas fakulo pri la problemo, kiel membro de la ekologiisma politika partio en FRGermanio-Hesse-lando kaj kiel fondinto de la laborgrupo de ĉi tiu partio : „Popolinterkompreniĝo kaj internacia lingvo". La diskutado fariĝis rapide tre teknika : pri la objektivaj danĝeroj de energifontoj, pri la konservado de la radiantaj restaĵoj, pri la leĝaro rilate al energiŝparado. La ĉeesto de s-ino Madeleine de Zilah, profesoro pri historio kaj diplomita inĝeniero pri agronomio, altigis, ĝeneraligis kaj precizigis la diskutadon, ĝis nivelo malofte atingita en esperantlingvaj rondetoj. Tute malvolonte, ĉar neniu el ni emas pagi pli multekoste la benzinon, ni alvenis al konkludo, ke la energiprezoj estas ankoraŭ tro malaltaj, kaj instigas al malŝparemo kaj poluciado. Ni disiĝis kun la impreso de tute nefinita diskutado, tiom da problemoj restis nediskutitaj.

**Borneo, strangaj bestoj, teruraj plantoj**

Ĉiuj atendis la lumbildserion pri Borneo, kie s-ro Woite, biologiisto, ekspediciis antaŭ 1 jaro kun sep aliaj fakuloj pri zoologio kaj botaniko. Mi iom timis ĉi tiun programeron, ĉar mi jam vidis tro da amatoraj fotoj pri folklorajôj, kiujn oni cetere povas trovi en ajna turisma gvidlibro plibon-kvalitajn. Mia timo okazis senkiala. Ni tute ne vidis la fotojn de Esperantisto en noktovesto, de Esperantisto aĉetanta fruktojn, de Esperantisto kun ĉarma indiĝena amikino, ridetantaj rekte en la centron de la lenso, de Esperantisto miranta la maron, la sunsubiron, la sunleviĝon, la akvofalon, la plej „tian" monumenton, ktp. Ni vidis fotojn de sciencistoj pri kreskaĵoj, insektoj, mamuloj, ofidiuloj, lacertuloj, amfibiuloj, araneoidoj precipe pri maloftaj vivantaĵoj, kiujn oni trovas nur en Borneo, aŭ Indonezio. Eĉ tiuj, kiujn la sciencaj informoj ne interesas, estis pasiigitaj de la beleco kaj strangeco de gigantaj papilioj, araneoj, lacertoj kaj plantoj. Eĉ la plej spertaj Esperantistoj konsciiĝis pri la graveco de la bedaŭrinda fakto, ke ni ne havas lernejan instruadon en Esperanto, kaj pro tio la iom teknika vortaro de la botanika kaj biologia terminaro mankas al ni. Nu, kompreneble, eĉ etnolingve oni ne konas la nomojn de centmiloj da Borneoaj bestetoj, tamen ofte ni devas honti, ĉar etnolingve ni konas almenaŭ kelkajn speciojn, familiojn, ordenojn kaj tute ne en Esperanto. Ĉi tiu vespero estis bona okazo por ekkoni la **nepenton** (Nepenthes distillatoria), kiu nutras sin per digestado de insektoj enfalintaj en sian ruĝan florsimilan sakon, aŭ la strangan egokulan raneton, la **pikilan ranon,** kiu ĉasadas nokte, kaj **kies unuan surloke faritan foton ni admiris kaj povas nun montri al la legantoj de nia ĵurnalo. LG** estas la unua ĵurnalo, kiu publikigas foton pri ĉi tiu besto malofta, fotita en ĝia naturmedio vivanta.



*Nepento (Borneo)*



*La unua foto de la nokta rano Bornea*

Fantasmojn kaj fabelajn timojn vekigas la ekvido de la **pikila lacerto**, simila al drako. La specialisto pri ofidiuloj kunigis dum la ekspedicio 27 specimenojn de tre maloftaj lacertoj kaj serpentoj. Ni vidis tre detalajn lumbildojn pri flugantaj lacertoj, kiuj ŝvebflugas dank'al haŭtflugiloj, kiuj interligas iliajn piedojn. Neniu povus ilin distingi de la drakoj de la ĉina folkloro. Dek numeroj de **LG** ni povus plenigi per la detalaj priskriboj de maloftaj plantoj kaj bestoj, kiujn ni vidis atendante la novan jaron.

Ni bedaŭrinde, partoprenis en la aranĝo de s-ro Eki Woite, nur dum ses tagoj kaj post nia foriro okazis ankoraŭ kvar aliaj kunvenoj : s-ro Karim el-Souessi animigis tri el ili („La Islamo", „La Budhismo", „Tai Chi kaj Tai Chi Chuan") kaj fratulino Theotima unu („Kion diras la Biblio pri la naturprotektado"). Ni ne povis ĉeesti ilin, sed ni ne dubas, ke ili estis same altvaloraj kiel la unuaj. Ni jam decidis atendi la venontan novan jaron 1987-an kun la grupo de s-ro Woite, ie en la Aŭstriaj, Italiaj aŭ Jugoslaviaj Alpoj. Ĉiuj bezonas ripozon, la infanoj kaj la gepatroj. Se tia aranĝo interesas vin, se vi amas la promenadon, la skiadon, en vera mirinda pejzaĝo, se vi volas vespere konversacii kaj ion lerni, skribu al s-ro Eki Woite, An der Kirche 33, D-6115 Münster/Darmstadt, FR Germanio. Li sendos al vi ĉiujn informojn.

**EdZ**



*Pikila lacerto (Borneo)*

**Horizontale:**

1 - Sespiedaĵo.
2 - Montara nimfo - Gnostika ent'.
3 - Arbusto - Noto de la tradukinto.
4 - Pra' - Brahmanisma Hadeso.
5 - Repagitaĵo - Simbolo de gravitunuo.
6 - Japana manĝaĵ - Fosforo - Reĝ' de Miceno.
7 - Malgrandegul' - Dokument' - Part'.
8 - Italio - Kvaronpia - Sendia vortkomenco.
9 - Suomio - Reĝa moŝt' - Malstreĉ'.
10 - Grandamplekse tubmovanta.

**Vertikale:**

1 - Ismo Majstra.
2 - Parenca al keiranto - Franca-itala muzika sekvanto de E.
3 - Petrola frakcio - Kalio.
4 - Super internacia esperantista asocio - Tajlando - Zimbabvo.
5 - Glandmalsano.
6 - Maĉdent' - Metafizika kosmoleĝ'.
7 - Hispanio - Rita vestaĵ' - CGS-energiunuo.
8 - Infuzaĵ' - Nokta simi' - Longa vertikal'.
9 - Nokta bru' - Rotacianta maŝinpart'.
10 - Individudevena.

## KRUCVORTENIGMO "KVE-3"





# IUJ PAROLAS ...
# ... IUJ SILENTAS

Ĉefa penso de Zamenhof estis interkomprenigo kaj sendiskriminacia informado. Ŝajnus, do, ke nur naivulo ripetas tiujn vortojn, dum... necesas tion fari ĉiufoje, kiam en Esperantujo okazas atenco kontraŭ la informado.

Ĉiu Esperanto-gazeto rajtas esti tendenca, preferi X anstataŭ Y ktp. Sed **LG** protestos kaj denuncos ĉiujn, kiuj volos **uzi (respektive elprofiti) la honestecon de Esperantistaro**, kiu financas la Movadon esperante, ke iam...

Preskaŭ cent jaroj de la ekzisto de la Movado, konfirmas ke unu el ĉefaj reguloj de nia daŭro estas nia publika vivo, kaj senkondiĉa informado pri eventoj en la Movado.

Ekzistas du modeloj de la informado : **Unua informas, kion volas ; la alia volas informi.**

La unua koncepto estas ligita al ekzemple **TASS**, kiu ĝis nun, post tridek jaroj, ne informis pri kio oni akuzis Sinjoron Stalin dum la 20-a Kongreso de Komunista Partio de Soveta Unio. La alia koncepto estas tiu de ekzemple „New York Times", kiu kaŭzis faligon de Richard Nixon.

Pri la puĉo en Pola Esperanto-Asocio jam informis „Literatura Foiro", n-ro : 94; „LG", n-ro : 1; „Horizonto", n-ro : 61; „Informator Wewnetrzny PZE", n-ro : 32; „Monato", n-roj : 12/85 kaj 1/86.

Ekinteresis nin pro kio kelkaj informas pri la eventoj en Pola Esperanto-Asocio kaj aliaj, en tio Universala Esperanto-Asocio, kaj ties organo „Esperanto" kaj la revuo „Heroldo de Esperanto", silentas?

Sed baldaŭ la afero fariĝis klara. „Esperanto" kaj „Heroldo" atendas instrukciojn el Varsovio kion skribi pri la puĉo. Antaŭ Universala Esperanto-Asocio ekaperas problemo de la 72-a Universala Kongreso. Multaj Esperantistoj havis dekomence dubojn ĉu estas ĝusta ideo veni al Varsovio de Jaruzelski. Tiun dubon ne havis la Estraro de Universala Esperanto-Asocio. Ekzemple Unuiĝo Franca por Esperanto proponis por la Jubilea Jaro Parizon, kaj ĝi estis preta organizi 72-an Universalan Kongreson, sed ankaŭ Unuiĝo Franca por Esperanto timis ofendon de la progresema mondo.

„Esperanto" kaj „Heroldo" havas en „blokaj landoj" siajn interesojn : konsiderinda parto de la deviza budĝeto de Universala Esperanto-Asocio kaj (en alia formo) budĝeto de „Heroldo de Esperanto" devenas el „blokaj landoj".

Kaj nun ni petas vin, Kara Leganto, ke vi ne forgesu la scenarion, kiun ni montras al Vi : „Esperanto" kaj „Heroldo" diros poste, ke por la bono de Esperantujo oni ne tuj informis pri la puĉo en Pola Esperanto-Asocio, ĉar „en Pollando ni havas multajn amikojn kaj ni ne volis, ke pro niaj artikoloj ili havu malfacilaĵojn". Tio estos mensogo. Ja **LG**, „Literatura Foiro", „Horizonto", „Monato" ankaŭ havas, same kiel Vi, amikoj en Pollando. Literatura Foiro-Kooperativo havas aldone intereson en la distribuado de siaj periodaĵoj tra „blokaj landoj", nek pli, nek malpli grandaj ol Universala Esperanto-Asocio kaj „Heroldo", kaj tamen „Literatura Foiro" lojale informis siajn legantojn pri la plej grava evento en Esperantujo dum 1985. Eble iuj opinias, ke pli gravas la Rezolucio 218. de Unesko. Eble jes, ni ne obstinas. Sed kiam en Sofio oni rezoluciis favore por Esperanto, jam en Varsovio okazis atenco kontraŭ Esperanto. Kompreneble en „Esperanto" kaj „Heroldo" ni trovos abundajn raportojn pri venko en Sofio, sed nenion ni trovos pri fiasko kaj atenco en Varsovio. Kial?

„Esperanto" kaj „Heroldo" diros : „ni ne volis kaŝi la eventojn, sed ni nur volis ne malplibonigi en Pola Esperanto-Asocio la cirkonstancojn". Sed ĉu povas ekekzisti pli malbonaj cirkonstancoj en la Asocio ol tiuj ĵus okazantaj! Ĉu oni timas en Universala Esperanto-Asocio kaj la redakcio de „Heroldo", ke pola reĝimo metos Esperantistojn en prizonojn? Do ne timu pri tio! Jam dum milita stato Esperantistoj estis en prizonoj kaj dum la proklamo de la milita stato en 1981. multaj el ili devis kaŝi sin antaŭ la milico. Sed „Esperanto" kaj „Heroldo" neniam, eĉ unuvorte menciis pri tio.

Pri ĉio ĉi plej bone mem konvinkiĝi. Ne demandu Universalan Esperanto-Asocion kaj la redakcion de „Heroldo" pro kio ili silentas? Vi mem scias, ke por vere informiĝi pri tio, kio okazas en Pollando, oni ne demandas Jaruzelski-n, sed tiujn, kiujn li metis en prizonojn.

En Esperantujo okazas politika kaj ideologia bataloj, ĉu tion Esperantistojn ŝatas aŭ ne. Ni estas **morale devigitaj informi** pri tio Esperantistojn, ĉar tiun informon ili – kiel evidentiĝas – ne ricevas de tiuj, kiuj sekrete volas okazigi en Esperantujo pluajn komplotojn kontraŭ la informado, kies unu el celoj estas senkondiĉe regadi. Mi ne trovis ĝis nun (25FEB86) iun ajn noton pri la atenco kontraŭ Pola Esperanto-Asocio en „Esperanto" kaj „Heroldo". Sed kiel ili informu pri tio, se ili mem komplotas en la atenco kontraŭ demokratio!

Ke ekzistis ebleco plej delikate, plej kulture, informi la Esperantistaron, pensigi ilin pri lastaj eventoj en Pola Esperanto-Asocio, atestas fragmento el „Literatura Foiro", n-ro : 94 :





„...Jerzy Leyk ne estas plu prezidanto de PEA. Meze de oktobro 1985, per ŝtata ordono la legitime elektitaj Konsilantaro kaj Ĉefa Estraro de PEA estis suspenditaj el siaj funkcioj: la asocion gvidas specialaj komisaroj... La faktojn mi ne intencas nun komentarii, ankaŭ ĉar mankas kelkaj elementoj necesaj por definitiva analizo. Tamen la informo ne lasas min indiferenta: permesu, ke mi dediĉu la novjaran mesaĝon al Jerzy Leyk kaj lia kunlaborantaro."

Ĉu tiaj, morale gravaj, kuraĝaj kaj samtempe „sekuraj politike" kaj esence humanismaj vortoj ne devis trovi lokon en „Esperanto", „Heroldo" kaj en multaj aliaj revuoj, periodaĵoj, gazetoj?

Bedaŭrinde tiucele estas bezonata kulturo, sincereco antaŭ la monda Esperantistaro kaj senkomplota konduto, kiu evidente mankas en la vivo de Universala Esperanto-Asocio kaj en la strategio de „Heroldo".

Pro la bruo, kiun mi poste aŭdos pri la konstruo de la paco, prefere mi fermu la orelojn, sed ne la okulojn.

*L A F E R A*



1 EKUO valoris je 19FEB86

| | | |
|---|---|---|
| 15.478 As | 133.227 GRs | 141.224 Ps |
| 45.355 Bs | 42.890 Hs | 158.994 PLs |
| 0.918 BGs | 1471.438Is | 6.865 Ss |
| 1.306 CDNs | 1391.661 ILs | 4.854 SFs |
| 1.787 CHs | 38.776 ISs | 0.688 SUs |
| 2.160 Ds | 167.224 Js | 331.782 TGs |
| 7.974 DKs | 44.808 Ls | 0.669 TNs |
| 4.462 DZs | 8.660 MAs | 563.118 TRs |
| 136.127 Es | 6.752 Ns | 0.935 USAs |
| 6.636 Fs | 2.441 NLs | 290.491 YUs |
| 0.646 GBs | | |




LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LA GAZETO nomas ilin "**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, "26 Ds" signifas : "26 germanaj markoj el Federacia Germanio", kaj "26 DDRs", "26 germanaj markoj el Popoldemokracia Germanio". Vi trovos la kurzojn de la spezoj de ĉiuj landoj, kie oni legadas LA GAZETO-n. Ni esperas utili al la esperantistaro publikante la prezojn de la plej kutimaj varoj, kiujn oni eventuale bezonas en diversaj landoj de Eŭropo, kie oni povas turismi. Bonvolu vidi ĉi tie la komparitajn prezojn de kilogramo da sukero kaj de litro da lakto en ses landoj : Aŭstrio, Francio, Germanio, Luksemburgio, Svedio kaj Svisio :

| ekuoj | sukero | lakto |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 1.00 | 0.76 |
| Francio | 0.83 | 0.52 |
| Germanio | 0.79 | 0.55 |
| Luksemb. | 0.97 | 0.63 |
| Svedio | 1.08 | 0.64 |
| Svisio | 1.09 | 0.62 |






## DANKON, UNU SUFIĈAS !

Dum Universalaj Kongresoj de Esperanto, kelkaj homoj kolektas propagandcele ĉiunaciajn adresojn kaj subskribojn, sur kajereto, kaj petas pri tio diverslandajn kongresanojn. Iam alproksimiĝis al Prof. Gaston Waringhien, tiu famulo en nia Movado, iu juna viro, kiu petis lin : „Ĉu vi bonvolas skribi vian nomon en mia kajereto?" – „Tre volonte", respondis la tiama prezidanto de la Akademio, kaj li ekprenis la kajereton el la mano de la junulo. Dum Profesoro elprenis sian plumon el la poŝo, la junulo demandis lin : „El kiu lando vi venas?". Iom surprizite Waringhien respondis : „El Francujo!". Kaj rapide reprenante la kajereton el la mano de la eminentulo la junulo diris : „Ha, pardonu! Francon mi jam havas!".

Kaj li foriris sen unu vorto!

*Daniel Luez*

### MEDITADO PRI BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA aŭ kio bremsas evoluon de la Esperanta kulturo?

*Trankviliĝu; stulta knabo;*
*Diras panjo kun kares'*
*– Ĉu ne povas vi diveni*
*Kiu venos al kongres'?*

Populara Esperanto-kanto en Sovetio

Oni legas kaj aŭdas multe pri subpremado de minoritataj (kaj ne nepre minoritataj!) lingvoj, pri malhelpo al ilia evoluo ktp : problemo, kiun spertis (aŭ daŭre spertas) ĉiu lando, enhavanta kelkajn naciojn. Sed – en Esperantujo, kun ĝia unusola lingvo – kiu kaj kio povas bremsi la evoluon? Por esperantistoj-kreemuloj mankas nur tempo. Devigataj zorgi pri pan-akiro, ili ne havas sufiĉe da tempo por sin dediĉi al originala Esperantlingva verkado aŭ traduka laboro. Tamen, ĉu tio estas la sola kaŭzo? Ekzistas ankoraŭ tiel nomata „ĝenerala opinio" pri Esperanto, ni diru sincere – malofte ĝi estas favora. Sed, se la sorto bonvoleme donacis al Vi iom da de „Dia fajreto", se Vin ne tuŝas kaj ne malentuziasmigas malfavoraj opinioj de aliuloj (kontraŭe – ie en anim-profundo flagretas la espero, ke ankaŭ Via laboro helpos forigi ĉiujn antaŭjuĝojn kaj misprezentojn pri Esperanto) kaj se Vi, ekzemple, dediĉas Vian tutan tempon al originala verkado – Vi nur sidiĝu kaj ekverku! Via fantazio, Via pensflugado, estas libera! Post kelkaj horoj (aŭ, eble, minutoj – ja ĉi tie ne ekzistas reguloj) naskiĝos ĉarma poemeto aŭ novelo, aŭ... Ĝi reflektos Viajn pensojn, Viajn aspirojn, Vian meditadon pri la vivo. Feliĉa kreanto! Jen li finis kaj, laciĝinta, pensas pri sorto de sia verko. Ja, esence, oni verkas ne por si mem, sed por aliuj. Verkado estas destinita por aliuj; ĝi estas donaco, oferto, alvoko, mesaĝo, dolorkrio (dependas de verko). Kio ajn ĝi estu, ĝi volas esti aŭskultita, aŭdita, komprenita kaj – eble, eble – almenaŭ iom pliboniginta ĉi tiun neperfektan mondon.

Kiom da eblecoj por esperantista kreanto! Kiom da! Sed, ĉu por ĉiuj? Imagu ke Vi estas esperantisto en Sovetio, ekzemple en provinca ukraina urbeto, jam la sola fakto – Via esperantisteco – estas „suspektinda". Sed, ho, malfeliĉulo! – Vi ne samopinias kun „oficiala opinio" pri kelkaj, se ne ĉiuj, demandoj. Tiam, kompreneble, Via Muzo diktas al Vi ne „hura-patriotisman" (tio estas HURA-sovetiisman, ĉar alia patriotismo ne rajtas ekzisti, kaj se ĝi tamen ekzistas, ĝi havas la alian nomon – niakaze „ukraina burĝa naciismo") poemon, kiun volonte publikigos ĉu „Paco" aŭ „Bulgara Esperantisto". Ve! Via Muzo diktas al Vi ion tute-tute alian.

Vi estas laca ne nur pro ĉiutaga pan-akira laboro, sed ankaŭ pri ĉiutaga pan-serĉanta trakuro de vendejoj por trovi la aĵojn plej necesajn. Vi estas laca pro ĉiutaga bruo de paroladoj pri „brilaj sukcesoj de nia ekonomio", „vera internaciismo", „frata amikeco", „glora Partio", „Granda Rusa Popolo" ktp, ktp. Estas ne plu eltenebla la lingvaĉo de loĝantaro, rezulto de „interproksimiĝo de frataj popoloj" (pli simple dirante – de rusigado). Vi ne trovas librojn kiuj Vin interesas (deficito!), ankoraŭ pasintmonate Vi povis legi en biblioteko verkojn de N. – hodiaŭ ne plu – la aŭtoro estas la laŭvice osta „burĝa ukraina nacionalisto". Ankaŭ li? Sed li jam okupiĝas pri scienca fikcio! Ĉu ankaŭ en ĉi branĉo de literaturo oni povas „kontraŭsovetiismi"?! Evidentiĝas-jes. Ĉu Vi estas historiisto aŭ ĉu Vi estas futurologo – estu atentema! Aŭ ... aŭ ĉesu verki. Jes, pli bone verku Esperante. Ja tie ne ekzistas cenzuro. Kaj la divido estas alia : la verko povas esti ĉu talenta aŭ ne. Ankaŭ mi tiel pensis. Kaj kredis.

**Jen ĝi kuŝas** – poemo pri tragika sorto de Ukrainio. Al kiu revuo, gazeto, eldonejo mi sendu ĝin? Kiu aŭdos, kiu volas aŭdi mian krion? La revuoj de socialismaj landoj neniam publikigos ĝin (kontraŭstari al „pli aĝa frato", ho, ne eblas!). Okcidentajn revuojn oni ne vidas en provinco. Kelkaj, en kelkaj lokoj, ĝuas kelkajn revuojn – ne





ĉiuj. Sendi perpoŝte? Oni devas esti grandega naivulo por fidi je „sekreto de persona korespondado". Des pli, se Vi loĝas en provinco, kie korespondado kun eksterlando ne abundas. Kaj se – ni imagu – Via letero feliĉe eskapis KGB-kribrilon, ĉu Vi konsentus aperigi Vian verkon kun Via vera nomo? Subskribi la verkon signifas subskribi sian propran kondamnon. Kaj kiu ne ŝatas liberecon? Almenaŭ tiun solan, kiu ankoraŭ eblas ĉe ni – libereco pensi! Pensi – sed ne dividi la pensojn, verki – sed nu por si mem... kaj farante la resumon de sia vivo ripeti post poeto :

*Tutan vivon mi silentis*
*Kiel fiŝo muta...*

Belartaj Konkursoj, Belartaj Konkursoj! Mi pensas pri deko da kapablaj esperantistoj, dissemitaj tra tuta Orienta Eŭropo, pri dekoj da honestaj kaj nekonformistaj samideanoj niaj transformitaj en „mutajn fiŝojn". Kiom da pensoj naskiĝas ĉe ili, kaj kiom da estingiĝas, kiom da kantoj sufokiĝas, kiom da „novaj talentoj" povus disflori, kiom da vigligus Belartajn Konkursojn ĉiujare! Se ... se ĉiuj esperantistoj estus liberaj! Se oni povus libere pensi, libere verki, libere interŝanĝi opiniojn, libere vojaĝi, libere partopreni kongresojn – libere vivi.

Esperanta kulturo estas kreata de esperantistoj. Kaj, depende de sia ŝtato, esperantisto povas esti ĉu libera civitano (kun ĉiuj eblecoj paroli, vojaĝi, diskuti ktp) aŭ sklavo de totalisma reĝimo (kun ĉiuj ne-eblecoj). Ĉi tio influas lian verkemon kaj liajn verk-eblecojn. Tial la konkludo estas jena :

La Esperanta kulturo ne evoluas en iu izolita mondo; ĝi estas forte ligita kun la cetera mondo kaj ekzistanta mallibereco de popoloj (kaj de Esperantistoj, ankaŭ popolanoj). Ĉio ĉi bremsas ne nur iliajn naciajn kulturojn, sed ankaŭ la Internacian. Ĉu Vi konscias pri tio, Esperantistoj?

*Mariĉka U.*

# LA KAŜITA VIVO DE ZAMENHOF

## DE N. Z. MAIMON

Mia unua viva eraro estis, ke mi esperantiĝis, la dua, ke mi legis dum kiam mi esperantiĝadis la plej eblan naivan libron verkitan surmonde, nome tiun de Maria Ziòlkowska "D-ro Esperanto". Eĉ la plej naivaj libroj pri la amo de Prezidanto Kim Ir Sen al birdoj kaj koreaj infanoj ŝajnas esti serioza literaturo kompare al tiu de Ziòlkowska.

Por ne fari trian vivan eraron mi decidis mem kontroli ĉion. Do : legi ĉion de Zamenhof, legi ĉion pri Zamenhof, kaj kvazaŭ prenante sur min la heredecon de tiu epoko, ĉeesti fizike en Bjalistoko, Varsovio, do ĉie, kie povis esti Zamenhof, tuŝi ĉiun eblan ŝtonon ktp. Mi ne sukcesis iri inter alie al Veisiejai pro simpla kaŭzo, kiun mi resumos jene : pli rapide kamelo sukcesos trairi la kudrilan truon, ol oni libere povos troviĝi ie ajn en Sovetio. Kaj ŝajnis al mi, ke mi jam preskaŭ ĉion scias, kion mi volis scii. Sed venis en miajn manojn verko de N.Z. Maimon. Revelacio, vera revelacio. Por redoni miraklecon de tiu renkontiĝo kun lia verko mi diru, ke estis same kiel mi ekvidus trian dimension sur la kartezia kruco. Pro kio revelacio : pro relativeco. Ĉion mi sciis pri Zamenhof, kiel polo, kion polo povas scii, sed tio ne sufiĉis. Same kiel ne sufiĉos scii ĉion pri li nur kiel judo.

Ni kuraĝe do diru, ke ĝis nun ne aperis pli serioza, pli profunda kaj pli inteligenta, plena da pruvoj, dokumentoj kaj tre delikataj sobraj hipotezoj, verko pri Zamenhof ol tiu de Maimon.



*Ludoviko Lazaro ZAMENHOF*



DETRUENDAJ FABELOJ

Kiel povis okazi, ke esperantistaro faris el Zamenhof abrupte polon? Ke el Bjalistoko oni faris legendan urbeton de la multnacieco, kvazaŭ Bjalistoko estus ununura urbo scipovanta influi Zamenhofon al Esperanto, dum ja apude en Kovno, Vilno, Tykocin ktp. pli abundis multnacieco, kaj judoj ne pli kaj ne malpli geniaj ol Zamenhof, kiel Stern (matematikisto), Maimon (filozofo), Zablodowski (financisto), Weber (pentristo) ktp.
Kiu vidis en Bjalistoko la litovan minoritaton!?
Kiel povis okazi, ke oni sukcesis fari el Marko Zamenhof despoton, severulon, preskaŭ ekzekutiston de propraj infanoj?
Kiel povis okazi, ke oni faris el Zamenhof ekzemplon de la homo "neŭtrala" politike, sen scio de la politikaj problemoj. Ja estis li mem, cionisto, kiu celis aĉeti parton de Usono por ŝanĝi politikan mapon de Ameriko kaj konstrui tie la judan ŝtaton! Oni povas obligi la demandojn.
Ni bezonis preskaŭ jarcenton por reanalizi ĉion ĉi denove. La unua, kiu kuraĝe kontraŭstaris al mitoj pri Zamenhof estis G. Waringhien, (Privat ankoraŭ ilin konstruis) poste sekvis N.Z. Maimon kaj nun sur traplugita kampo aperas la aliaj.
Hodiaŭ ni povas diri, ke la bildo pri Zamenhof, ofte falsa, kiun ni portas, kulpas parte Zamenhof mem. Li kulpas pri bjalistoka legendo (neniam, dum kiam vivis Zamenhof en Bjalistoko ekzistis — eĉ ne antaŭe kaj poste — signifa litova minoritato), li mem ja „kaŝadis" sian judecon, li „kaŝis" antaŭ historio sian cionisman periodon. Poste sekvas kulpoj de poloj : ĝuste poloj faris el Zamenhof polon kaj cetera mondo ekkredis tion. Sed en tio aparte influis ankaŭ polaj judoj mem. Ĉar ja ne eblis tiam en Eŭropo esti judo, sen adjektiva aldono de la nomo de la koncerna lando en kiuj judoj vivis. Polaj judoj strebis fari el Zamenhof ĝuste la polan judon. Pro kio? Ĉar polaj judoj havis pli fortajn ligojn kun Pollando ol la rusaj kun Ruslando, ol la germanaj kun tiamaj unuiĝantaj germanaj ŝtatetoj (ne eraru kun la prusa kaj aŭstro-hungara imperioj). Ekzistis tiam same forta konflikto inter la rusaj judoj (pole : litwiacy aŭ litowiacy) kaj la polaj. La konflikto same forta kiel inter la poloj kaj rusoj mem. Neniu alia ol judoj Wiesenfeld kaj Belmond fanfaronis pri poleco de Zamenhof kaj la lasta enmetas en la buŝon de Zamenhof vortojn de la fideleco al Pollando :

*Kaj fine alvenis Polino*
*Kun larmoj en blua okul'*
*Kaj diris : Ĉu vi min forgesis?*
*Pro kio, respondu, saĝul'...*
*Kaj Majstro respondis : Polino,*
*Neniam forgesos mi Vin.*
*Mi estas ja filo de tero*
*De kiu vi estas filin'.*

Poste estis pli facile poligi Zamenhofon. Jen la terura ondo de la antisemitismo venas en Eŭropon. Zamenhof vole-ne-vole ne povas esti sennacia. Ĉiuj volas scii kiu li estas. Jen tra la Eŭropo trairis freŝa renaskiĝo postromantisma. En la citita poemo de Belmond ni tion tre bone vidas. Oni ja **ne povis** esti sennacia. Eble post la terura unua mondmilito, eblis doktrino sennacieca i.a. de Lanti, sed ne en la duono kaj fino de la 19-a jarcento, kiam popolo post popolo insurekciis kontraŭ imperioj! Do se Zamenhof ne „povis esti" judo, restis al li nur esti varsoviano, do vole-ne-vole polo. Poloj kompreneble tre rapide elprofitis tiun situacion. Same kiel germanoj iam pri Koperniko ktp. Sed venas la periodo pli terura, periodo de holokaŭsto, kompare kun kiu iamaj pogromoj inspiritaj de la rusa „ĉjerna sotnia" restas nur „infanludoj". Kiu kuraĝus en la kristana Eŭropo de 1933.-1945. fieri pri la judeco de Zamenhof? Do oni devas silenti pri lia deveno! Oni silentas pri tio konscie, same konscie kiel preskaŭ tuta mondo ne volas ekscii pri la tragedio de la varsovia getto, malgraŭ, ke oficiro Karski transdonis al Londono en 1943. kompletan materialon pri masakroj kaj pri la infero de la holokaŭsto, malgraŭ protesta memmortiĝo de la ĉefo de varsoviaj judoj Czerniaków. Do esperantistoj mem ne volis scii la veron. La esperantistoj mem falsigadis historion. Ili kaŝis veron, ili detranĉadis sin de la vero.

MARKO – FALSA PORTRETO

El similaj fontoj venas ankaŭ la malamo de la esperantistoj pri Marko, la patro de Zamenhof. Neniu polo kaj neniu pola judo povis estimi Markon. Ja Marko venis al Varsovio kiel rusa judo (litwiak), Marko aldone estis cenzuristo. Jen simpla paralelo : kiu hungaro, resp. finno, afganano ŝatus la rusan judon, kiu cenzuras la pensojn de la nacia intelektularo? Pri Marko devis resti opinio malfavora en la varsoviaj medioj. Devis resti kaj restis. Ankaŭ vole-ne-vole. Sed ĉu efektive Marko meritas tian opinion. El la varsovia vidpunkto, do el la vidpunkto de la medio en kiu li vivis kaj laboris jes, li rajtis esti ne amata. Poloj riproĉas al li, ke li estis servisto de la caroj; judoj, ke li absolute ignoris judan problemon per naiva asimilado; la polaj judoj : ĉion ĉi. Bone! Sed tiun opinion de la varsovia strato transporti en la rilatojn familiajn de Zamenhofoj, tio jam estas troigo. Homo „malbona" en preĝejo povas esti sankta hejme – klaĉas onidiro.

DE CIONISMO AL HOMARANISMO

Antaŭ ol Zamenhof fariĝis homaranisto li estis cionisto. Kompreneble, ŝajnus, ke ne sufiĉis Oświęcim por konvinkiĝi, ke judoj rajtas al propra patrujo. Jen nuntempe Unuiĝintaj Nacioj deklaris cionismon kiel formon de la rasismo. La mondo frenezas. Se oni opinias cionismon formo de rasismo, kiel nomi doktrinojn de la irlanda IRA, baska ETA, palestina PLO, ne parolante pri la ukraina, litova, estona patriotismoj, kiuj en la nov-parolo de Moskvo nomiĝas la naciismaj deviacioj!?

La verko LA KAŜITA VIVO DE ZAMENHOF jam per sia titolo trafas esencon. LA KAŜITA, ĉar ĝi ne povis esti tiutempe alia. Pri tio konsciis Zamenhof, tion elprofitadis diversaj naciismaj interesoj de poloj, sed ne nur. Ĉu la francaj esperantistoj tiutempe ne preferis ke Zamenhof estu polo, anstataŭ judo? Konfesu veron, mi petas!

**La kaŝita** vivo kaj **la sin kaŝinta** vivo. Kiu opinias alimaniere estu la unua levi ŝtonon kaj ĵetu kontraŭ min.

Maimon malkovras sekretojn de la vivo kaj la kulturo detruita de nazioj. Vivo de la judoj de la orienta Eŭropo, niaj samloĝantoj, niaj najbaroj, niaj kaj iliaj virtuozoj, filozofoj, sciencistoj, verkistoj. Kaj ni ne forgesu, ke ja nazioj murdis samtempe judojn-esperantistojn. La plej vigla antaŭmilita Esperanto-vivo studenta okazis ĉe la strato Leszno en Varsovio, sekvis studenta vivo de Zagreb. Kie loĝis en Varsovio judoj, tie **pli dense** loĝis esperantistoj.

La libro estas senerara metodike, nek unu mensoga vorto, la verko honesta, la plej honesta kaj kuraĝa.

La verko de Maimon enkondukas nin en la mondon de Torao, Talmudo, Kabalo, al diversaj ondoj de la juda politika kaj religia pensoj : al asimilacia, hasida, haskala, cionisma tendencoj ktp. Maimon montras antisemitismon kaj batalon, veran batalon de judoj pri sia digneco. La batalon, kiu kaŭzis martirojn, pogromojn. Ja en tia mondo vivis Zamenhof kaj ne en ia fabela Bjalistoko!

Kiu ne konas verkon de Maimon, nepre legu ĝin. Oni ne rajtas nomi sin esperantisto sen koni tiun verkon, sen pripensi ĝin, sen analizi ĝin, por ke fine konfesi : ankaŭ mi kulpas, sed se iu estas senkulpa ĵetu ŝtonon.

Pri kiu kulpo : jes, pri mitologiigita vivo kaj verko de Zamenhof. Pri la bildo de li, kiu portas imagojn de fantaziuloj ne historiistoj.

MAIMON – LA HONESTULO

Pripensu, ke Esperanto celis esti tiu delikata formo kiu **neŭtraligas** kaj **malplifortigas** faktorojn de la streĉaj naciismoj de la 19-a jarcento. Hodiaŭ, post unu jarcento de Esperanto ni diru, ke ĉiuj mitoj pri Esperanto, (iam eble pravigitaj, sed nur didaktike : Bjalistoko, severa patro Marko, neŭtraleco politika de Zamenhof-polo ktp.) ni prefere metu inter fabelojn. Maimon proksimigas nin al la vero pri Zamenhof kiel neniu alia antaŭ li. Zamenhof sin mem kaŝis (pro apartaj motivoj), kaj ni ankaŭ (pro aliaj motivoj) kaŝadis lin antaŭ la kurantaj eventoj de la antisemitisma, kruele histeria romkatolika kontraŭjuda mondkoncepta, ideologia propagando (Ke judoj murdis Kriston, ĉiu katoliko ripetadis en la preĝejoj preskaŭ du mil jaroj ĝis la 2-a Vatikana Konsilio!). Zamenhof sin kaŝis por sin defendi. Ni kaŝis lin pro oportunismo, por kontentigi antisemitismajn tiranojn de la epoko, la eklezian propagandon. Sed hodiaŭ ni redonu al Zamenhof lian veran vizaĝon, sufiĉe noblan sen kosmetikaj aldonoj, la vizaĝon de varsovia judo, de la juda kaj pola kulturoj, de intelektulo, mistikulo, kiu celis defendi homaron kontraŭ naciaj, rasaj kaj religiaj fanatismoj, do homaron kontraŭ homoj.

Se ni mem prisilentas la veran vizaĝon de Zamenhof, se ni ripetas stultaĵojn pri Zamenhof, ni mem direktas nin kontraŭ lia verko kaj vivo. Maimon majstre memorigas al ni pri ĉio ĉi. Maimon – laŭ mi – apartenas al tiu eta elcentaĵo de tiuj esperantistoj, kiuj preferis veron kontraŭ ĉio, ol ĉarlatanismon por dubaj konjunkturaj venkoj de Esperanto. Historio havas tiun teruran econ, ke ĝi malkovros ĉiujn sekretojn, eĉ la plej terure kaŝitajn. Per tio ĝi ŝanĝados plu la spiriton de sia epoko. Neniu juĝisto estas pli severa kaj samtempe pli efika kaj bonfara ol la justa. Neniu juĝisto pli influas la homan konduton ol la justa. Neniu juĝo estas pli justa ol la vera. Dankon S-ro Maimon pro via verko.

*Walter Zelazny*




# METROPOLITENO

## de Vladimir Varankin

La recenzoj pri „METROPOLITENO" ofte paroladas pri „lerte dozita erotiko" en la verko de Varankin, do, en la lasta leciono pri ĉi tiu grava libro de nia literaturo, ni ne rajtas silenti ankaŭ pri tio. Sed, bedaŭrinde, ni ne opinias, ke en la priskribado de la amoro, Varankin superas aliajn esperantlingvajn aŭtorojn. Naiveco, blufloreco, higienismo makuladas liajn paĝojn. Ili eble valoras kiel atestaĵoj pri forpasinta epoko sen Freud, Jung, Reich, Marcuse, Miller, kie neniu kapablis eltrovi la akcentojn de iu Nabokov, de iu Vian. Ni vidu kiel la erotikaj rilatoj teksiĝas inter la heroo kaj Alice :

*Laŭ propono de Otto ĉiuj iras sin bani. Rifuzas Rudolf, Elsa kaj mi. Mi ĝenas. La viroj tuj forĵetas la suprajn pantalonojn kaj restas en banpantalonetoj. Same agas Berta kun sia robo, sub kiu ŝi havas bankostumon. Sed Alice neatendite rifuzas. Ekrigardinte min, ŝi la tuta ruĝiĝas.*

*— Ne, mi ĉi tie ne malvestos min! Ni iru, Berta, la bordon! Kaj mi estos min bananta pli malproksime de la viroj!*

*Mi deturnas min kun ega konfuzo, kvazaŭ Alice jam estas sin malvestinta. Venki ĉi tiun konfuzon mi ne povas kaj mi klare imagas, kiel aspektos Alice en bankostumo. /.../*

*Ŝi staras en blanka sportbluzo kun ruĝa bordero, sen manikoj, kaj en simila blanka mallonga sportpantaloneto. Ŝiaj manoj estas metitaj sur la femurojn. La okuloj kaj lipoj ridas. La tuta ŝia figuro estas modelo de klasika gracieco : elasta talio kaj larĝaj femuroj, rondaj ŝultroj kaj malgranda brusto, kunmetitaj kune gamboj, pli korpulentaj super la genuoj, fortaj en suroj, belformaj, graciaj en piedparto.*

*Otto ne eltenas kaj eligas ravan ekkrion :*

*— Mil diablojn, Alice estas ĉarma!*

*Berta faras ŝajnige ĵaluzan mienon kaj tiklas Otto'n je la brako.*

*— Ne ravu pri aliaj virinoj, vi ja havas edzinon!*

*— Jen, ankoraŭ! Edzinon! — kontraŭdiras Otto obstine. — Ĉu mi povas kompari vin kun Alice?*

*— Erich, ĉu ĝi plaĉas al vi? — turnas sin Berta al Erich.*

*— Al mi ĝi tute ne plaĉas!.. — perfortante sin kaj ridante, diras Erich, ne fortirante la rigardon de Alice.*

*— Vi devas min konsoli! Mi estas ofendita de la propra edzo!*

*Berta alpremas sin al Erich kaj metas la kapon sur lian ŝultron. /.../*

*— Ne, ne! — svingas ŝi obstine la kapon. — Mi malĉastiĝis! Vi malĉastigis min! Neniu ĝis nun estis dirinta al mi, ke mi estas bela!*

*— Ĉu ĝi estas vere, Alice? — esplore demandas mi. — Neniu neniam diris?...*

*— Nu, krom unu escepto, kiun mi ne kalkulas...*

*Poste, kvazaŭ ion rememorinte, ŝi karese tuŝas per sia mano mian vangon.*

*— Ni sidiĝu!*

*Ni surherbiĝis, nemalproksime de la vojeto kaj ĉi tie, sub la arbusto, ni preskaŭ ne estas videblaj.*

*— Kara mia, se vi scius, kiel mi turmentiĝas! Kial mi ekamis vin?*

*— Kial vi bedaŭras pri tio, Alice? Ĉu estas malbone?*

*— Mi timas viajn kisojn. Ĉiutage mi transpaŝas novan strekon, dum la tuta mia interno krias : vi ne devas, vi ne devas!*

*— Alinjo! Ĉu ni ne rajtas ami?..*

*— Ne, ne! Ho, kial vi ne estas libera? Se vi ne havus edzinon, se vi ne havus infanon, ĉu mi haltus antaŭ kio ajn?..*

*En mia kapo io eksonoris. Mi metis la kapon sur genuojn de Alice, kaj demandis flustre :*

*— Tamen vi diru, kiu estis certiganta vin, ke vi estas bela!*

*Alice ne respondis. Ŝi komencis nur spiri pli profunde kaj pli ofte.*

*— Kiu ajn li estas, li diris la veron, Alice! — murmuris mi, ĉirkaŭprenante ŝian talion per la brakoj. — Ĉu vi aŭdas? Li diris la veron!.. Klinu vin al mi! Pli proksime!... Jen tiel!..*

*Sed tuj retirante sin kaj repuŝante min, ŝi ekkriis :*

*— Ĝi ne estas amo! Ĝi estas pasio!*

*— Alice, ĉu povas ekzisti amo sen pasio?*

*— Kaj ĉu pasio ekzistas sen amo?..*

*— Jes, plej ofte tiel okazas! Sed vi ja scias, ke mi amas vin!*

*— Kial vi ne amas vian edzinon? — subite ekkriis ŝi. — Ĉu via edzino estas malbona?.. /.../*

Bankostumo, sportkostumo kaj tenera kunsidado sur herbo, kies malbonfidon ŝirmadas moraleskaj diskutadoj. Ni pripensu iomete kion estus eltirintaj el ĉi tiuj situacioj iu Dostojevskij, iu Tolstoj! La heroo de Varankin havas etburĝan moralecon, sed tion ni ne povas riproĉi al verkisto, homoj ja havas kaj havis ĉi tipan konduton. Estas riproĉenda la banala, supraĵa priskribado de la profundaj kontraŭdiroj kaj animsuferoj kaŭzitaj de la erotikaj kompleksoj de Vitalij kaj de la aliaj rolantoj de la libro.

(fino)






# LA GRAMATIK(L)A PUNKTO

...Leganto skribis : *„Mi fus legis en la latina lernolibro de mia filino la tre simplan jenan regulon :*

A P O Z I C I O

Nomo en apozicio estas en la sama kazo kiel la nomo, apud kiu ĝi estas metita :

Quintus, Marci filius, leatus est.

Terentiam, Marci filiam, laudas.

*Nu ŝajnas al mi, ke la aferoj ne tiel same statas en la Esperanta lingvo..."*

Ja principe validas la sama regulo... almenaŭ se temas pri vera apozicio, kiu (kiel formulas la Plena Analiza Gramatiko, p. 184) determinas aŭ ekvivalentas la unuan substantivon.

Kaj la P.A.G., kiu analizas la lingvouzon de d-ro L.L. Zamenhof citas jenajn ekzemplojn :

- La diablo **lin** prenu, **la sentaŭgulon**!
- Dio indulgu **nin**, **pekulojn**!
- La akuzativo montras **direkton**, t.e. **movadon al ia loko.**
- Por la hodiaŭa tago mi ricevis **duoblan pagon**, t.e. **dek frankojn.**

Tiel „**sentaŭgulon**" determinas „**lin**", kaj „**pekulojn**" „**nin**".

En determino la dua substantivo havas pli vastan signifon ol la unua, kiun ĝi iel kvalifikas; kiel ĉe adjektivo epiteta **la kazo kaj la nombro estas la samaj.** „**Movadon al ia loko**" estas ekvivalento de „**direkton**", kaj „**dek frankojn**" de „**pagon**". En ekvivalento la dua substantivo havas la saman valoron kiel la unua : la kazo estas la sama, kaj la nombro laŭ logiko.

Sed ekzistas okazoj, kiam apoziciaj vortoj en Esperanto propredire nek determinas, nek ekvivalentas. Tion la P.A.G. nomas la NOMINACIO. Tiam la unua vorto estas ia anoncvorto, kiun sekvas la dua kiel individua nomo rilata al la unua. Kaj plej ofte la vorto restas en la nominativo.

Jam kiam temas pri alparolo, t.e. VOKATIVO, dum pluraj lingvoj kiel la latina distingas apartan kazon, en Esperanto la vorto restas en nominativo.

- **Vi** eraras, **Evelino...**

Kun citiloj, dupunkto, kursivo aŭ nenio speciala, povas esti **citaĵo**, kiu per si mem staras ankaŭ nur en nominativo :

- Neniam uzu **la vorton „amo"**.
- Tiam uzu la **pronomon : oni.**
- Ke ni elĵetu **la vorton** *kaj.*
- Mi ricevis de vi **la titolon sinjoro de la Dandinière.**

Estas same pri fremdaj neasimilitaj vortoj, eĉ pri la asimilitaj en la okazo de simpla nomesprimo, t.e. kiam oni nek vokas, nek citas sed simple nomas ion.

- **La broŝuron „Homaranismo"** mi ricevis.
- Ŝi sciis ankaŭ **la teatraĵon „Valdemar kaj Absalon".**

Tamen pri nomesprimo la akordiĝo kun akuzativo ĝenerale ebligas eviti ambiguecon, ekzemple :

- **filon** de mia amiko, **Karlon.** *(Karlo estas ja filo de la amiko)*
- filon de **mia amiko Karlo.** *(Karlo estas la amiko mem).*

Tiel do koncerne apozicion Esperanto nur pri la okazoj de NOMINACIO malsimilas la latinan, kiu siaflanke havas la apartan kazon vokativo.

E K Z E R C O — Indiku, kiel la akordiĝo aŭ neakordiĝo de tiuj ĉi apozicioj estas ĝusta;

Ekzemple : *Korektu ilin ĉi-sube, la apoziciojn — „apoziciojn"* determinas *„ilin".*

*1 — Ĉi tiu kazo similas la apudmeton, t.e. la apozicion.*

*2 — „Salutu vian amikon, Henriko."*

*3 — Por enkonduki ekvivalenton, oni povas uzi la adverbon : nome.*

*4 — La magazinon „La Gazeto" mi fus ricevis.*

*5 — Kaj la aŭto eniris la urbon Metz.*

*6 — Petro bonvenigis la filon de sia amiko, Paŭlon.*

*7 — Petro bonvenigis la filon de sia amiko Paŭlo.*

S O L V O — *1)* ***apozicion*** *estas ekvivalento de* ***apudmeton;*** *2)* ***Henriko*** *vokativo; 3)* ***nome*** *citaĵo kun dupunkto; 4)* ***La Gazeto*** *nomesprimo; 5)* ***Metz*** *nomesperimo de neasimilita vorto; 6)* ***Paŭlon*** *nomesprimo en rilato kun* ***filon;*** *7)* ***Paŭlo*** *nomesprimo en rilato kun* ***amiko.***

*J. T.*

# KIEL TRAIRI SENPAGE ?

- Sed oni ne povas longe vivteni sin kaj dume veturadi per 5000[(1)] frankoj...
- Nu, temas pri 5000 frankoj en 1982-a. Tamen ili certe ne suficus sen komercaĉi.
- Komercaĉi ?
- Vendi, aĉeti kaj revendi, interŝanĝi varojn, estas la maniero elturniĝi por juna aventuranto. Ekzemple la viskion sentakse aĉetitan sur la ŝipo, kiu transportadas nin el Eŭropo en Afrikon, oni povas revendi je dekoblo en Alĝerio. La ĵerikenojn[(2)] oni ĉiam povas forvendi. Eksmodajn magnetofonojn, riceviloj, teknikajn ilojn, ŝparpecojn malgrandajn vi povas negocadi, tiel ke la 2500-kilometra traveturado de Alĝerio neniom kostas al vi, krom la deviga asekuro de la aŭto, je 120[(3)] frankoj, ĉe la landlimo. Tie endas pagi per valuto, tio signifas, ke oni devas ŝanĝi sian monon laŭ la oficiala kurzo. Nigramerkate oni havus la duoblon, aŭ se vi volas oni pagus la duonon.
- Ĉu ekzistas deviga monŝanĝo ĉe la landlimo?
- Nun jes, tiam ne. Ili faris la leĝon unu semajnon post mia eniro en la landon. Nun ili postulas de vi la aĉetadon de 1000[(4)] denaroj, se vi ne estas pli juna ol 19-jara, aŭ se vi ne estas studento, aŭ se vi ne havas familion en la lando. Sekve temas eltrovi la metodon esti studento. Ili postuladas la internacian studentkarton. Ĉi tiu karto facile troveblas en Eŭropo, suficas ĝin kompletigi per via foto kaj bela stampo. Ne mirinde do, ke amiko mia en Francio perdis sian karton iom antaŭ mia forveturado.

Edgar

(daŭrigota)
1.= ĉ.744 EKs
2.= -ĵerikeno: skatolforma, ĝenerale 20-litra, lada ujo por benzino, gasoleo aŭ akvo
3.= ĉ. 18 EKs
4.= ĉ.243 Eks



Kafejo meze de Saharo (Alĝerio)

# NI PAROLU PRI ...

## VIANDOJ EL BOVO




En la viandovendejo mi aĉetas **ŝultraĵon**, por rosti bifstekon, por stufi viandon, por elfari stufsaŭcon, por boligi bovaĵon en poto. Mi petas **kulotaĵon** se mi preparas haketitaĵn viandbulojn aŭ gulaŝon. El la **poplitaĵoj** oni kuiras nur boligitan viandon. Rostaĵojn, kradrostitaĵn kaj frititaĵn tranĉaĵojn oni povas elfari el **ŝultraĵo, brustaĵo, brustfinaĵo, interripaĵo, fileo, kulotaĵo, subfemuraĵo, nuksaĵo, kontraŭfileo, vostaĵo, rumsteko**, tio estas el preskaŭ ĉiuj viandoj de bovo (virbovo, bovino, bovido). Oni kutime boligas **poplitaĵojn, vostaĵojn, kolaĵojn, platripaĵojn.** El bovida **kapaĵo** vi povas prepari bonan bovidkapaĵon je vinagrosaŭco. Bonan apetiton!

## LA ŜAKPROBLEMO DE PASKALO




La blankuloj ekludas kaj matigas post tri paŝoj